# Pola Esperantisto
# Esperantysta Polski

| XXXII JARO | NRO 8—9 | Aŭgusto — Septembro 1938. |
| --- | --- | --- |

ELDONANTO — WYDAWCA
POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO
REDAKTANTOJ — REDAKTORZY
PROF. DR ODON BUJWID — MGR TADEUSZ HODAKOWSKI

Aperas la 20-an de ĉiu monato. Redakcian materialon oni petas sendi ĝis la 10-a de ĉiu monato. La redakcio estas rajtigita laŭ bezono ŝanĝi la tekston de manuskriptoj.

## VIII POLLANDA KONGRESO DE ESPERANTO EN KRAKÓW.

(fino)

Ĝia sidejo estu en Ĝenevo, la centro de la internacia movadoj, kie la tuta agado por Esperanto en lernejoj estis sistempe iniciatita de Dro Edmond Privat.

Post la referato okazis vigla diskuto. Ĉiuj parolintoj kondàmnis la organizan duecon kaj esprimis sian indignon precipe pro maljustaĵoj kontraŭ la organizintoj de la Jubilea. Oni esprimis ankaŭ la deziron, ke la Londona kaj la sekvontaj kongresoj estu ree „Universalaj", sed ne kongresoj nur de unu el la du nunaj centraj organizaĵoj Esperantistaj.

Unu el la parolintoj I. Lejzerowicz sub la impreso de la nunaj malfavoraj okazaĵoj en la Esperanta movado, kiel organizaj malpacoj, malpermeso de Esp. organizaĵoj en Germanujo kaj Aŭstrujo ktp., estis tre pesimista rilate la estontecon de nia movado.

Al li respondas prof. dro Bujwid, kiu diras, ke malgraŭ ĉio ni devas esti optimistoj kaj ni ne povas perdi la esperon pri la venko de niaj idealoj, kiu ja estas certa. Oni devas havi ĉiam junan koron, kiel mi ĝin havas. Kredu al mi finas prof. Bujvid, turnante sin al Lejzerowicz — mi pli longe vivis ol vi kaj mi scias, ke oni devas esti optimisto. (Aplaŭdegoj).

Post fino de la diskutado estis akceptitaj jenaj rezolucioj, prezentitaj de kongresanoj:

1) La VIII Tutpollanda Kongreso de Esperanto en Kraków rekomendas al PED elpaŝadi sur juĝeja vojo kontraŭ la gazetaraj atakoj, multiĝintaj en lasta tempo kontraŭ Esperanto en Polujo.

2) La VIII Tutpollanda Kongreso de Esperanto en Kraków, priparolinte la sekvojn de la Jubilea Kongreso de Esperanto en 1937 por la tutmonda kaj pola Esperanto-movadoj, konstatas: ke la LKK de la Jubilea faris sian devon por la Esperanto-afero bone kaj honeste malgraŭ la ĉiaspecaj malhelpoj kaj nejustaj atakoj, iniciatitaj kun helpo de kelkaj samideanoj

3) La VIII Pollanda Kongreso de Esperanto alvokos la centrajn organizaĵojn Esperantistajn, ke ili finu la organizan malpacon.

4) La VIII Pollanda Kongreso de Esperanto, aŭdinte la raporton pri la laboroj de la Komisiono por Internaciaj Problemoj ĉe LKK de la Jubilea, opinias, ke necesas elekto de speciala instanco, okupiĝonta pri la plua efektivigo de la Interŝtata Esperanto-Akordo. Tiu instanco konsistu el reprezentantoj de la asocioj IEL, UEA kaj TAGE proporcie al la nombro de iliaj membroj kun sidejo en Ĝenevo konforme al la propono de K. I. P.

5) La VIII Tutpollanda Kongreso de Esperanto, aŭskultinte la raporton pri radioagado, iniciatita de Varsovia Esperantista Societo, komisias al tiu Societo plue gvidi la agadon, alvokas ĉiujn societojn kaj samideanojn apogi ĝin kaj petas Pollandan Esp. Delegitaron protekti la tiucelan agadon.

Fine estis ankaŭ unuanime prezentita jena rezolucio, prezentita kune de ambaŭ ĉefdelegitoj Ŝapiro kaj Chmieliński, kio kaŭzis grandan sensacion en la salono:

6) La VIII Pollanda Kongreso de Esperanto alvokas PED, ke ĝi aperigu en la pollanda gazetaro refuton de la senbazaj atakoj kontraŭ la Esperanto-movado kaj la Jubilea Kongreso. La refuto estu bazita sur la rezultoj de oficialaj juĝejaj esploroj kaj sur la decidoj de oficialaj ŝtataj instancoj, konstatantaj senbazecon de la akuzoj.

Tiu komuna rezolucio de la reprezentantoj por Polujo de IEL kaj UEA faris bonan impreson. Ankaŭ faris bonan impreson, ke inĝ. Chmieliński post la referaĵo de red. Ŝapiro deklaris publike, ke li estas preta montri al PED resp. speciale elektota komisiono siajn aktarojn, el kiu estas klare videbla, ke li kontraŭas la sintenon de la oficiala kongresraportinto de „Heroldo" kaj ke unu nigra ŝafo ne povas makuli la tutan anaron.

Aro da rezolucioj, enhavantaj aludojn kaj kritikojn kontraŭ IEL kaj kontraŭ la aranĝo de la Kongreso en Londono nur de IEL, ne estis voĉdonita de la prezidanto Dro Leon Rosenstock malgraŭ la videblaj simpatioj por unueco en la salono. La prezidanto opiniis, ke ne estas eble ataki IEL kaj ke oni devas kredi al ĝi, ke tamen la Kongreso estos Universala. Samtempe li klarigis, ke PED oficiale jam montris sian sintenon en la afero: ĝi aliĝis al IEL, sed ankaŭ deklaris, ke ĝi subtenos ankaŭ UEA kaj rekomendis al izoluloj aliĝon al ĝi.

## Ĝenerala Kunveno de PED.

Posttagmeze okazis la ĝenerala kunveno de Pollanda Esp. Delegitaro. Ĝin partoprenis nur la rajtigitaj Delegitoj, kies rajtigoj estis severe kontrolataj. La cetera publiko rajtis nur aŭskulti, sed ne partopreni la diskutadon aŭ voĉdonadon.

La Konferenco aprobis la agad- kaj kasraportojn de PED, prezentitajn de s-roj Kutscher kaj Alfus kaj decidis alvoki ĉiujn grupojn kaj izolajn Esperantistojn, ke ili monoferu por la „5.000-fondo", kiu ebligos al PED pli grandan propagandan kaj organizan laboron.

En la ĉefkonsilantaron de PED estis elektitaj: s-ino M. Szczepańska (Kraków), s-ro I. Wiesenberger (Kraków), inĝ. dro Emiljan Loth (Łódź), kaj kpt. Silhan (Lwów); en Revizian Komisionon: inĝ. Dir. Kostecki, f-ino Zagajewska kaj s-ro Sowiński, ĉiuj el Kraków, anstataŭantoj: f-ino Ćwiklińska (Kraków) kaj s-ro Toczyski (Lwów).

## Distraĵoj.

La kongresa programo saĝe antaŭvidis la unuan tagon por la serioza (eĉ tro serioza) laborado kaj la duan tagon nur por distraĵoj. La distraĵoj okazis en la kadroj de la ĝenerala programo de t. n. „Krakovaj Tagoj" kaj estis fervore partoprenataj de la kongresanoj. Okazis ankaŭ gvidadoj tra la urbo kaj ĝiaj historiaj vidindaĵoj. Precipe kompleze gvidis la kongresanojn samideano Tydor.

Tre gaje pasigis la kongresanoj la tempon en la Luna-Parko, nomata en Krakovo „La gaja urbeto". Eĉ la severa kongresprezidinta Napoleono amuzis sin tie bonege kun siaj IEL-kontraŭuloj kaj — precipe kun siaj IEL-kontraŭulinoj. Kontraŭ la ulinoj li tie ial kaj iel ne plu kuraĝis elpaŝi...

## Ĉiam antaŭen!

La Kongreso jam pasis. Kiel ni diris, ĝi ne estis multnombra. Tion kaŭzis ne nur la nekutima kongresdato, sed ankaŭ la malĝojigaj okazintaĵoj pro la Jubilea kaj la organiza disputo Londono-Ĝenevo. Tiuj bedaŭrindaj faktoj fortimigis multajn de nia movado, cetere ne nur en Polujo.

La Kongreso tamen tre serioze laboris kaj ĝi montris, ke malgraŭ la momentaj malvenkoj, malgraŭ la eksteraj malamikoj kaj internaj malprudentuloj nia movado tamen vivos kaj kreskos kaj ke al ni apartenas la venko.

Pollanda Kongreso montris, ke polaj Esperantistoj restis fidelaj kaj laboros pluen malgraŭ ĉio kaj eĉ, se necese, malgraŭ ĉiuj, konservante laŭ la saĝa konsilo de prof. Bujvid la JUNKORECON kaj ESPERON.

Al la mondo Esperantista la Pollanda Kongreso direktis per siaj rezolucioj UNU alvokon:

— P r u d e n t o n!

**Mal-Napoleono.**

# DUM LA TRIDEKA KONGRESO.

Nia ĉefredaktoro vokis min kaj severtone ordonis: „Sinjoro Kowicz vi vojaĝos Londonon kiel nia kongresĉefkorespondanto“. Tia longa titolo tiel al mi plaĉis, ke mi eĉ ne rimarkis, ke s-ro ĉefredaktoro forgesis aldoni al siaj vortoj la ĉekon de kelkdek anglaj funtoj.

Sed la ordono estas ordono kaj mi komencis prepariĝi por longa vojo. Antaŭ ĉio mi komencis studi la lernolibron por vojaĝantaj esperantistoj, eldonita de ĉefa „verdkatano“ Raymond Schwartz, precipe, ĝian ĉapitron sub titolo „Pa....sportaĵoj“, ĉar kiel vi eble scias

......por iri al Kongres' necesas la permes'
ne nur de bopatrin' kaj famili'
sed ankaŭ de l' Ad-mi-ni-stra-ci'......

La suferoj de l'estonta kongresano S-ro Schwartz priskribis tiel artplene, ke ĉiu kongresano devas rememori ilin, atendante

dum dek tagojn de l'semajn'
ĝis la noktomeza hor'
ĉe l'ambasador'.

La plej melankoliaj pensoj kaptis min ĉe la angla ambasador' kie mi
pagis por la ŝtat'
36 złotoj (sen rabat!)

kaj rememorigis la estintan jaron, kiam neriĉa Polio gastame malfermis siajn pordojn por la kongresanoj. Finante tiujn liniojn mi devas noti, ke nia varsovia kongressekretario s-ro Hartman sukcesis venki ĉiujn pa... sportaĵojn en daŭro da unu tago, do se iam L. K. K. fondos la ordenon „Por la kongresaj meritoj“ s-ro Hartman devas esti ordenigota. Mi ankaŭ havas modestan esperon, ke mi troviĝos inter dekorigitaj.

Fine estas en bonord' mia la pasport'. ....Mi adiaŭis kisas ĉiujn gefamilianojn, inkluzive (en distreco) junan servistinon kaj promesas skribi ĉiutagajn raportojn pri mia modesta vivo en Esperantujo.

Mia vojaĝo al kongreso estas tra Nederlando, kie en Rotterdam min gastame renkontis s-ro Telling, karavanestro de holandaj kongresanoj. Laŭvoje inter Rotterdamo kaj Hago mi spertis la rezulton de bone organizita esperanta propagando en Nederlando: estante en vagono mi okaze sidiĝis sur benko de l'konduktoro kaj turninte la kapon mi ekvidis tiun konduktoron proksime de mi: tuj mi ekstaris, proponante al li sidiĝi, en germana lingvo. Li respondis al mi: „bonvolu sidi, sinjoro“ sed mi ripetis mian peton la duan fojon, ne rimarkante, ke ni ambaŭ parolas en Esperanto. Certe, dum voje mi parolis tiom da lingvoj, ke mi nur post mia dua respondo rimarkis, ke mi parolas kun samideano. Li estis afabla inviti min veni sekvontan tagon viziti Hagon kaj mi agrable ĝuis lian akompanadon. Entute, la gastameco de nederlandaj samideanoj estis granda kaj mia vojaĝo kun ilia karavano, malgraŭ ĝia mallongeco, estis ĉarma; unu el karavananoj, s-ro Terra, kiu ĉeestis la unuan kongreson en sia vivo, laŭ mia propono transloĝiĝis Esperantujon, forlasante tute nederlandanojn kaj ni, kune kun li kaj mia skota amiko s-ro D. Kennedy vagadis tra bela esperanta lando dum tuta semajno. Interkrampe mi devas, en la nomo de s-ro Kennedy deklari, ke ĉiuj anekdotoj pri skotoj estas fabrikitaj de la skotoj mem, por famiĝo, kaj ke skotoj suspektas, ke urbestraro de la konata skota urbo Aberdeen dungas por tiu fabrikado specialan oficiston.

Post tiu antaŭparolo mi povas jam malfermi mian kongresraporton. Verdire nia karavano venis Londonon ne tro ĝustatempe, ĉar iom post la fino de interkonatiĝa vespero, sed laŭ mia antaŭa peto mi estis renkontita de londona samideano s-ro Hollier, kiu lokigis min suburbe ĉe simpatia maristvidvino s-ino Nickolls, kiu donis al mi la plej bonan ĉambron de sia dometo kaj ĉiutage interesiĝis pri mia malbona apetito, ĉar mi ne povis engluti ĉion, kio formanĝas matene ĉiu estimiganta sin brito. La interparolado inter ni, verdire, ne estis tro elokventa, ĉar mi lernis la anglan lingvon laŭ alia lernolibro, ol s-ino Nickolls, sed min konsolis unu angla samideanino, kiu diris, ke eĉ britoj mem ne tro bone reciproke sin komprenas (sed nur la ne-esperantistoj!).

Nun ĉio jam estas preta po komenci la priskribon de la malferma kunsido. Ĝi estis en grandega salono de kinematografejo kaj tial, bedaŭrinde, mankis la plena lumo, ĉar la salonego estis iom duonlumigita, sed tio tute ne ŝanĝis la sentojn de la esperantistaro, kiuj estis vigligitaj de tutmondaj reprezentantoj de Esperanto-movado. El la anglaj aŭtoritatoj venis nur la urbestro de tiu parto de Londono, en kiu ni kongresis, sed s-ro urbestro bonege reprezentis ne nur sian, sed ĉiujn aliajn aŭtoritatojn en Britujo: kun granda elokventeco li parolis ne nur ĉe komenco kaj dum la fino de l' kongreso, sed eĉ dum la balo. Li estis la plej populara ne-esperantista persono dum Kongreso. Parolis ankaŭ la oficiala reprezentanto de Svisio, ĝia ambasadoro en Londono (petante pardonon, ke li parolas fremdan lingvon-anglan!). Li sincere alvokis nin al Berno en estonta jaro. Inter aliaj reprezentantoj la plej gran-

dan aplaŭdon de l' ĉeestantaro ricevis: vigla hispana samideano s-ro I. Alvarez kaj reprezentantoj de Ĉehoslovakio- ĉeho kaj germano kiuj malmultvorte diris multon. Polio estis reprezentita, se mi povas tiel diri -- pere -- ĉar s-ro Majewski tralegis kelkajn liniojn el la letero de Prof. Bujwid, kiu bedaŭrinde ne povis veni Londonon. Entute, el la 31, cititajn en la oficiala listo de L. K. K. venis el Pollando nur ses, sed malgraŭ tio nia lando estis bele reprezentita: el tiuj ses-tri estis beletaj junaj fraŭlinoj, kiuj faris grandajn pacajn konkerojn inter la plijuna parto de l' Kongresanoj, sed (mi aldonu) sub mia „patra" kontrolo. Unu el ili estis eĉ fotografita (f-ino Sołtysikówna el Lwów) de unu granda tagĵurnalo kaj ŝia portreto estis montrita en milionoj da ekzempleroj al tuta anglalingva mondo, do mi proponas ke PED estontjare delegu Bernon dekon de plej belaj pollandaj esperantistinoj kaj mi, kiel „maljuna mielkuko", (alilanduloj pardonu al mi tian polonismon!) povos kviete dormi ĉe mia kameneto, anstataŭ vojaĝi tra Eŭropo.

Post ĉiuj salutparoladoj, kiuj nunjare ne estis tro abundaj, ĉar mankis reprezentantoj de kelkaj landoj ĉu pro malbonvaluteco, ĉu pro la malproksimeco de la kongreslando, aŭ simple pro la cirkonstancoj „nedependantaj" de la esperantistoj, s-ro Bastien diris pri tiuj: „duonmortintaj landoj". Bonhumora, kiel ĉiam, estis s-ro Isbrücker, reprezentanto de la Lingva Komitato, kiu, salutante la Kongreson, diris ke en esperanta vortaro estas interalie du vortojn: „diskuti" kaj „disputi" tiun lastan la Lingva Komitato ne povas rekomendi al la nuna Kongreso.

Kiel Prezidanto de l' Kongreso estis elektita aklame s-ro Wadham (la ina parto de l' kongresanaro aklamis kun duobla forto, eble ĝi ne sciis ke s-ro Wadham, belaspekta redaktoro de „British Esperantist" estas jam edziĝita). En sia parolado, prononcita en la bona Zamenhofa stilo s-ro Wadham rememorigis al ni la vortojn de l' Majstro, kiu dum la unua kongreso deklaris, ke ĉe la esperantistaj kongresoj kunvenas ne francoj kun angloj, sed homoj kun homoj. Franclingve salutis la Kongreson reprezentanto de Brazila Registaro, promesante, ke lia registaro daŭrigos subteni esperanto- movadon. Post la dankema rezolucio-al ĉiuj salutintoj- la gekongresanoj kantis kiel ĉiam nian kortuŝan himnon pri la tempo „kiam bela sonĝo de l' homaro por eterna ben' efektiviĝos".

Kiam mi eliris el la duonlumigita salonego, la suno brilis potence kaj jam „Evenig News" anoncis al la tuta mondo, ke „estas diable varme": tiuj komencvortoj de l' anglalingva artikolo de gazeto famiĝis inter londonanoj. Feliĉe, la komuna tagmanĝejo-salonego de konata londona Lyon's restoracio estis vidal-vide kaj ni baldaŭ legis la esperantlingvan menuon, kiu komenciĝis de „portugala supo" por iom konsoli esperantistaron pro malesto de portugala reprezentanto. Kiel angla specialaĵo estis „menta saŭco" — nekonata por polaj stomakoj.

La oficiala parto de la unua tago de l' Kongreso estis finita kaj gekongresanoj esploris vespere grandegan ĉefurbon por bone dormi en siaj novaj litoj. Mi venis hejmen kiam ĉiuj loĝantoj jam dormis kaj nur buldogo de mia mastrino melankolie ekmurmuris sub ĝia nazo, kvazaŭ volis riproĉi min pro mia facilanima sintenado. Malgraŭ tio, lunde, je la preciza horo mi jam estis en la bela universitata aŭlo, kie sub la gvidado de generalo Bastien la XXX Universala Kongreso komencis sian unuan laborkunsidon; ĝi estis dediĉita plejparte al niaj organizaj demandoj-precipe al I. E. L. kaj diversnaciaj oratoroj bonstile instigis aŭskultantaron al la subtenado de la movado (ĉu Vi jam estas Jel-ano, kara leganto, se ne-ĉu Vi povas dormi kviete?). En la fino de la kunveno estis komuna fotografado de la 1500 gekongresanoj, farita de speciala movanta aparato kies bildo estas 90 cm longa. Via kongresĉefkorespondanto modeste kaŝiĝis, sed ĉar anglaj fotografistoj estas flatemaj, do, vizaĝo de aŭtoro de ĉi tiuj linioj aspektas tute simpatie.

Vespere estis la prezentado de la angla komedio „Elizo restas", ludita de anglaj profesiaj geaktoroj. La iom „kinematografan" enhavon de tiu komedio oni ne bezonas raporti; la plej interesa estis la prononcado de nia lingvo de la aktoroj, kiuj parkere lernis Esparantajn rolojn. Certe la angla lingvo, tiel specifika, ne povis esti tute kaŝita, sed tio ne malhelpis al la aŭskultantaro ĝui la simpatian laboron de la geaktoroj. Oni devas substreki ĉarman anglan manieron: ĉiu aktoro ricevis post la spektaklo donaceton kaj la aktorinoj- florbukedojn (s-ro kompostisto, atentu, ke en la unua litero de tiu vorto estas „f" sed ne „p"). Fine sur la scenejo aperis la regisorino- granddamo kun malgranda hundo, kiu ne tro aprobis tiun novaĵon, ĉar en la plej kortuŝemaj momentoj ĝi bojis. Ĉar la teatro ne povus lokiĝi ĉiujn kongresanojn unuvespere-por restantoj estis aranĝita en la aŭlo universitata-filmprezentado de la angla kaj svisa kamparoj, intermiksata de la violonludo de ĉeha samideano Ĝeryk kaj magiaj aranĝoj de londona magikisto, samideano Vilĉjo Verda. Certe, la estimindaj muroj de la londona Alma Mater eble la unuan fojon vidas la magikaĵojn kun dudek poŝtukojn en malplena mano. En tiu

sama vespero niaj blindaj samideanoj havis simpatian muzikkoncerton. Kortuŝeme mi rigardis la senvidulojn, kiuj per sonoj de violono kaj kantoj transigis nin al la mondo, kie regas kvieteco kaj belsentoj.

Tiun vesperon mi revenis hejmen ĝustatempe kaj eĉ buldogo de s-ino Nickolls aprobis mian konduton.

Tria tago donacis al ni la paroladon, kiun ĉiu esperantisto ĝuis kiel frandaĵo: la Kvakera Esparantista Societo speciale invitis s-ron Edmond Privat (kiu ne ĉeestis plu kongreson) por diri al ni siajn pensojn rilate „Esperanto kaj Mondfrateco". Estas bone konata, ke d-ro Privat estas la plej bona oratoro en Esperantujo, do mi ne sciis kion admiri: la enhavriĉecon de la parolado aŭ la perfektecon de la Zamenhofa stilo. S ro Privat substrekis la gravan rolon de la letero de Dro Zamenhof al la diplomatoj, eldonita dum la milito kaj diris, ke nia Majstro estis homo kiu scipovis antaŭvidi la estontecon. Post la elokventa parolado multaj samideanoj kuris podion por danki nian brilantan oratoron kaj mi, gastiganta ĉe si ges-ojn Privat antaŭ la milito, faris la samon. „La dento de l' tempo" iom gardis dron Privat kaj rigardante lin, kiu esperantiĝis en la sama jaro kaj aĝo, kiel mi, enviante mi pensis: „tiuj altrangaj generaloj estas feliĉaj, kial do ni, simplaj esperantosoldatoj devas aspekti kiel „mielkukoj"?

Tiuj melankoliajn pensojn disigis la sekvonta tago — tago de l' ekskursoj. Inter multaj samallogaj mi elektis vojaĝon al universitata urbo Oxford kaj Shakespeare-urbo Stratford on Avon. La malgranda urbo de Shakespeare kaj lia dometo estis plenplenaj da vizitintoj kaj mi ne havis eĉ tempon solvi malbenitan demandon: ĉu fama tragediisto estis vere Shakespeare, aŭ li estas Bacon (certe ne tiu, kiun oni eksportsendas el Pollando, sed sekretario de l' reĝimo Elisabeto). Mi konsolis min, ke la tuta inteligenta mondo solvas tiun demandon kaj de kelkaj centjaroj, sed fakuloj diras, ke baldaŭ ĝi estos solvita, do laŭ sciigoj de la ekskursestro unu el francaj samideanoj eĉ ne venis ĝustatempe al la aŭtobuso: eble li estis tiel emociigita de l' demando, ke restis en la urbeto atendi la solvon de turmentiginta enigmo. Poste, dum nia vizito en Oxford, kie mi pasigis bele la tempon akompanata de la agrabla belga samideanino (sed ne diru tion al mia edzino) oni proponis al ni konatan anglan „teon je la 5 horo" kaj malgraŭ ke estis jam sesa horo ni volonte pardonis tion al la estraro, ĉar la angla teo estas tre bongusta. Tiuvespere ni revenis Londonon iom lacaj kaj mi ne havis fortojn por ĉeesti la amikecan vesperon de la londona laborista klubo; mia frua reveno hejmen tiel mirigis mian mastrinon, ke ŝi demandis min ĉu mi ne estas malsana.

Sekvonta tago, la ĵaŭdo, estis komencita de terura novaĵo: konata Cseh-instruistino, f-ino Saxl, animo de la preparaj antaŭkongresaj laboroj en sia hotelo tiumatene subite mortis. La impreso de tiu funebra novaĵo estis profunda. Oni ne povis kredi, ke tiu simpatia, ĉiam ridetanta, vigla virino ne estis jam vivanta. Hieraŭ vespere oni aŭdis ŝin, rankontantan pri danlanda kurslaboro kaj jen, la Mistera Potenco forigas ŝin el niaj vicoj.

Sed la vivo estas pli forta ol morto kaj malgraŭ opinio de kelkaj, ke oni devas nuligi la balon, vespere la kongreso dancis. La unuan fojon en mia vivo mi vidis kiel dancas britoj, kiuj estis plejmultaj inter kongresanaro kaj mi devas konfesi, ke mi estis infektita de la angla bonhumoreco. Mi ĉeestis multajn kongresbalojn, sed tiel agrablan mi ne vidis, malgraŭ ke oni dancis plejparte anglajn dancojn-interalie antaŭ ne longe eltrovitan „Lambeth Walk"-danco, kiu imitas la marŝadon de londonanoj en Lambeta kvartalo. Kiam mi vidis, ke seriozaj maljunuloj marŝas ŝanceliĝante kaj svingante per manoj kun batado de kruroj kaj kriado, mi forgesis ke mi havas Hm... Hm... Hm... jarojn kaj same kriis „heŭ" kaj batis la krurojn (siajn) kaj kun plezuro aŭdis anglemaniere elparolatajn taktvortojn de mia gedancistino: „junu, dju, thri (unu, du, tri)"... S-ro Schwartz dum sia postkongresa „montmartra" vespero en Parizo, kiun mi ĉeestis, mokis tiujn „spikantajn angliŝe" sed oni devas memori, ke por angloj estas sufiĉe malfacila prononcado de ĉiu alia lingvo. Ĉiaokaze multajn britajn samideanojn perfekte parolas nian lingvon kaj prezidanto de kongreso s-ro Wadham estas la bona pruvo, ke anglan akcenton oni povas forigi el Esperanta uzado. Se la langoj de niaj anglalingvaj gesamideanoj estas iom nefleksebla j, iliaj koroj estis je la dispono da la esperantistaro: originale pruvis tion aŭstraliaj samideanoj, kiuj aranĝis telefonan esperantan interparoladon el Melbourne kun generalo Bastien. Tiu unua esperantlingva transoceana interparolado daŭris kvin minutojn kaj ĝian enhavon aŭdis ĉiuj aŭstraliaj radiaj sendstacioj; eksperimento grandioza kaj bone sukcesinta. Ni aldonu, ke post tiu interparolado la aŭstralia samideano iris matenmanĝi kaj s-ro Bastien enlitiĝis: tia estis diferenco de l'tempo! La balo finiĝis je la dua nokte - por angloj estas terure malfrua horo sed zorgema L. K. K. veturigis nin hejmen per speciale menditaj vagonaroj. (Mi jam ne rakontas, kian mienon havis la buldogo de s-ino Nickolls!)

Malgraŭ tio sekvontmatene mi akurate ĉeestis la trian labòrkunsidon kie estis raportinta, interalie, s-ro Hartman pri la laboro de la varsovia komitato de la Internacia Esperanta Akordo. Eble estas la kulpo de „ursangulo", kie mi loĝas en Pollando, ke mi nur en Londono eksciis la rezulton de tiu laboro kaj la fakton ke la Manĉuria registraro je franclingva demando respondis... esperantlingve. La raporto de s-ro Hartman estis majstre farita kaj elvokis aplaŭdadon de l' kongresanaro.

La lasta amuza vespero estis tiutage arangita sub la nomo de „varia vespero". Ĝi estis prezentita de tre junaj geaktoroj, georfoj, edukataj en la specialaj institutoj kaj mi devas sincere noti la altnivelan arton de junularo kiu kantis, dancis, ludis... Estis gaje vidi kiam la seriozajn gentelmenojn similajn al la senmorta David Copperfield, indiferentmiene blovantajn en trumpetojn, pli grandajn ol ili, sed la fina „parado de la nacioj" estis la plej brilanta numero de l' vespero. La junaj geartistoj venis scenejon kun flagoj de ĉiuj nacioj, partoprenantaj en Kongreso: ne mankis, certe, la pollandajn kolorojn. Sed supre la naciaj flagoj staris bela fraŭlineto kun granda verda stelo sur la kapo. Gajigitaj de tiu varia vespero ni kun scivolemeco rigardas sur la strato la geaktorojn, kiuj atendis en bela aŭtobuso por reveni hejmen kaj jam kun tre viglaj mienoj formanĝas dolĉajn glaciaĵojn.

Tiu nokto estis la lasta en Londono. Sabate, finiĝis la Kongreso. Oni multe dankis la gastigantojn kaj al unu el ili, al ĉarma fraŭlino Davey oni prezentis la bukedon. F-ino Davey estis tiel surprizigita, ke varme kisis kune sidantan sekretarion de Kongreso s-ron Goldsmith kaj poste (kun la sama plezuro) Prezidanton, s-ron Wadham (tiun, certe sen permeso de lia bela edzino). Ĉiuj sentis sin hejme kaj bedaŭris, ke post kelkaj horoj la XXX-a jam forpasos en la eternecon de Esperanta historio kaj eble post aliaj tridek jaroj la „sesdekanoj" rememorigos al si, kiel agrable pasigis la tempon iliaj gepatroj. Se mi restos ankoraŭ vivanta, mi estos certe jam „mielkukego" (tre sekigita!) kaj eĉ nunaj niaj kongresaj fraŭlinoj ne volonte konfesos, ke ili partoprenis la tridekan. Sed jam Horaco diris, ke „fugerit invida aetas" kaj jen, „La Espero" estis melankolie kantita, la manojn de ĉiuj amikoj jam estas premitaj, mi deziras al s-ino Nickolls ĉion bonan kaj en la okuloj de ŝia buldogo mi povas tralegi, ke ĝi alkutimiĝis al sia pola amiko kaj se ĝi povus paroli mi estas certa, ke ĝi dirus al mi: „Ĝis la revido en Berno".

*S. A. Kowicz.*

# RESPONDO JE „VORTO PRI LITOVUJO"

## ARTIKOLO APERINTA EN „ESPERANTO" INTERNACIA GAZETO DUONMONATA

### DE DATO 30 APRILO 1938.

Dolore mirigis nin, ke en tiu simpatia gazeto ni trovis artikolon, abundantan je malveroj kaj falsoj, plenan de atakoj kontraŭ niaj nacio kaj lando. Tia artikolo absolute ne devis aperi en la gazeto, kiu pretendis esti neŭtrala koncerne la politikon. Ni ne povas al ni klarigi la kaŭzon de tio. Eble nur kompleta nescio de historio kaj geografio, neorientiĝo en fakta stato de la afero ebligis verki tian artikolon kaj poste ĝin presigi.

Verŝajne estus senutile rifuti punkton post punkto en tiu svarmo de mensogoj, sufiĉos, se ni mencios la plej okulfrapajn. Senfrukte estus diskuti kun blindigita ŝovinisto litova, anonima aŭtoro de la artikolo. Ni kredas, ke ne nur nin, polojn, naŭzis la malbongusta memflatado, misodora senbrida aŭtoreklamo.

La aŭtoro ne povas pardoni la influon, kiun akiris Polujo en litova lando. Kaj la afero estas tre facile klarigebla: pli alta kulturo influas malpli altan kaj pro tio multaj litovaj familioj poliĝis kaj volas havi nenion komunan kun litova ŝovinismo. Vere la urbo Wilno, kiun litovoj Vilnius

nomas, estas laŭdevene litova urbo, sed pro tio litovoj ne povas pretendi posedi ĝin kun ĉirkaŭaĵo, ĉar Wilno dum paso de la jarcentoj tute poliĝis kaj nun ĝi estas unu el plej pure polaj urboj. Por ridige klarigi la aferon, ni memorigu, ke Berlin estas fondita de niaj prapatroj, slavoj, sed ĉu pro tio ni pretendu posedi Berlinon? La situacio en ambaŭ kazoj estas simila.

Ĉu ne estas ridinda tia frazo de la artikolo: „La okupita Litovujo ĝis hodiaŭ estas sub la fremda jugo kaj dronas en mizerego" kaj ni aldonu: pli vere la aŭtoro dronas en mensa mizerego kaj en ŝlima marĉaĵo de malamo, en kiun li enfalis, blindigite de furioza ŝovinismo.

Sed ni ne povas rifuzi pravecon al tia frazo: „Laŭ pola kutimo estis enkondukita la servuto ĝis tiam neniam praktikata en Litovujo" kaj ni klarigu: kompreneble, ke ĝi ne estis praktikata, ĉar viaj prapatroj s-ro aŭtoro, preferis praktiki krudan sklavecon.

Ne estas nia kutimo skribi en tiu stilo, sed ni klopodis similigi ĝin al la stilo, kiun ni trovis en la priparolita artikolo, por montri al la aŭtoro malĝustecon de lia ago. Ni preferus verki frazojn plenajn de simpatio kaj amikeco, kiujn ni enfunde sentas por la litova nacio, sed ne por la aŭtoro, kiu — laŭ nia konvinko — ne estas homo de bona volo.

*La Redakcio.*

# MALFERMITA LETERO AL SINJORO MONTAGU C. BUTLER.

## „THE BRITISH ESPERANTIST" LONDON, W. C. 1. HIGH HOLBORN, 142, ANGLUJO.

Varsovio, la 23-an de aŭgusto 1938.

Estimata Sinjoro!

Mi tralegis en lasta (400-a) numero de „The British Esperantist" vian recenzon pri mia broŝureto „Nia Vojo". Esprimita tie via opinio tre diferencas de multaj opinioj, kiujn mi ĝis nun ricevis pri mia verketo de tre multenombraj gravaj kaj seriozaj esperantistoj, gazetoj kaj grupoj. Ili ĉiuj preskaŭ senescepte estas favoraj rilate al direkto kaj karaktero de la montrita de mi vojo. Kelkaj el ili nur dubas, ĉu estas necese krei novan organizaĵon, ĉar ni, esperantistoj, jam havas organizaĵojn, kiujn nur oni devas unuecigi. Tial mi alkutimiĝis al tiaj opinioj, kaj ni ekpensis, ke montrita de mi vojo estas jam aprobita vojo de esperantistoj. Ĉar, krom tio, ĝi estas laŭleĝa disvolviĝa vojo kaj nur iom pli precize kaj pli klare difinas la Zamenhofan „internan ideon", plenumante la nocion „frateco de popoloj" per la enhavo, montranta la agojn kaj la laborojn por tia frateco.

Do via kritiko, nome la lasta frazo: „Certe, s-ro JPE, ne tie kuŝas „nia vojo" treege min mirigis, kaj mi devas vin publike demandi: „Kie do kuŝas via vojo?" kaj: „Ĉu ĝi povas esti ĝenerala vojo de esperantistoj?" Mi petas vin respondi en ia gazeto.

Rilate al organizaj demandoj mi povas diri, ke ili ne estas „la Vojo", sed nur la maniero de veturado. Povas esti, ke tie ĉi kuŝas kaŭzo de miskompreno. Vere mi proponas iomete novan manieron de veturado, sed ĝi estas konstruita el partoj jam bone pruvitaj. Almozpetadon kaj patronojn esperantistoj uzas kaj uzis ĉiam, eĉ la plej bonaj periodoj de nia movado estas kun tiu „sistemo" kunligitaj: komence tio estis sindona laboro, sinofero kaj ankaŭ oftaj monoferoj de unuaj pioniroj, poste sekvis kapitaloj de Sébert kaj de Hodler kaj nun vi organizas IEL-on helpe de donacoj. Do en mia propono nenio nova krom la konscia agado! Vi riproĉas, ke oferantoj ne havas laŭ mia projekto voĉrajtojn en la movado. Sed tia estas bone kaj juste starigita kutimo en ĉiuj seriozaj movadoj: en religia, en morala, en kultura... Sole en komerco oni aĉetas rajtojn, sed por ni tio ne estas akceptebla. Memoru, ke eĉ niaj unuaj pioniroj donacante multon havis nenian rajton influi en lingvaj demandoj.

Vian aserton pri la nedemokrateco mi ne

bone komprenas, nome, ĉu ĝi koncernas la vojon, ĉu la organizon. Nia vojo estas multe pli ĝenerala ideo el la politikaj diferencigoj, do ne povas esti laŭ ili klasifikita. Esence ĝi estas pli ol demokrata, ĉar ĝi ĉirkaŭprenas ĉiujn, la tutan homaron. Povas esti, ke laŭ vi organizaĵo ne estas demokrata, ĉar ne ĉiuj samkvante pagas. Vi ne estas prava: en vera, ideala demokratio pagas tiuj, kiuj havas monon kaj eblecon tion fari sen propra vivada malutilo, nur labori plenaĝuloj devas senescepte ĉiuj, kompreneble laŭ siaj eblecoj tio estas fundamento ankaŭ de mia propono.

Sed kie ilin trovi, tiujn ĉi oferantojn kaj patronojn? Estas grava demando kaj ĝia bona solvo dependas de nia konduto. Nun ni ne devas pensi, paroli kaj verki nur pri lingvo kaj ĝiaj belecoj kaj perfektaĵoj, ni ne devas tutforte disvolvi ĝin en ĝia kvalito kaj profundeco, eĉ se ni ne malfaciligos ĝin per tio. Tiu ĉi konduto kaj metodoj jam enuigis ĉiujn dum kvindekjara aplikado. Nun ni devas ankaŭ tre substreki niajn, vere negrandajn, praktikajn sukcesojn. Nun ni devas montri al ĉiuj, kiamaniere tiu ĉi nia lingvo, kaj tiuj niaj praktikaj komencaj paŝoj helpos al la grandega afero de homara disvolviĝo, kiaprocede ili povas plenumi grandajn homajn esperojn kaj celadojn de estanteco kaj estonteco. Nun ni devas sciigi al ĉiuj „Nian Vojon", kondukantan al la progreso de tuta homaro. Tio ĉi estas nia nuna tasko kaj devo!

*Samideano Via*
*IPE.*

# LINGVA ESPLORO.

S-ano **Frank R. Banham** el Aŭstralio bonvolis skribi al mi interesan leteron, pro mia artikolo „Lingva Esploro" (aprilo 1938 de „Pola Esperantisto"). Speciale interesis lin mia noto pri „li trovis dece", ĉar ankaŭ li konsentas, ke pli ĝusta ŝajnas: li trovis deca. Al la letero li almetis longan traktaĵon maŝinskribitan, verkitan de nia konata samideano Bailey. Estus efektive tre dezirinde konigi la tutan enhavon de la traktaĵo, sed mankas loko sur la etaj paĝoj de „P. E.", tial mi nur konigas, ke s-ano Bailey opinias, bazante sin sur treege multaj elĉerpaĵoj el Zamenhof, ke oni povas laŭvole diri: „resti kun leono estas danĝere" kaj: „danĝera"; same — laŭ lia opinio — oni povas egale bone diri: „estas klara, ke..." kaj „estas klare, ke...". Ŝajnas, ke Bailey eĉ preferas la adjektivon (-a) ĉie, kie oni povus uzi la adverbon (-e).

Al tio mi volas aldoni mian opinion, kiu ŝajnas al mi ĝusta, kvankam mi bonege konscias, ke mi trovos kontraŭdirojn:

La adjektivon oni ne nur povas, sed eĉ devas ĉiam uzi en frazoj tiaj, kia estas: mi trovas ĝusta (ne: ĝuste), li opiniis nekonvena (ne: nekonvene), eble ŝajnos stranga, ke... (ne: strange) ktp. Sed, kontraŭe, nur adverbo estas korekta en la frazoj: estus utile fari ŝanĝojn (ne: utila), estas kompreneble, ke... (ne: komprenebla), plej bone estos, se (ne: bona).

Mi plene konsentas kun s-o de Beaufront, kiu, laŭ Bailey, asertas, ke doktoro Zamenhof nur pro plumeraro skribis iam: plej bona estus silenti, anstataŭ: plej bone estus silenti.

*Dr Leopold Dreher*

**ĈU VI JAM ALIĜIS AL PED?**

# POLUJO EN CIFEROJ

(laŭ „Mały Rocznik Statystyczny 1938 — Malgranda Statistika Jarlibro 1938")

**Geografia situo de Polujo:**

La plej malproksima etendiĝo de la ŝtatlimo:

| | | |
|---|---|---|
| norden | 55° 51' | de norda latitudo |
| suden | 47° 44' | „ „ „ |
| okcidenten | 15° 47' | de orienta longitudo de Greenwich |
| orienten | 28° 22' | „ „ „ „ „ |

La etendiĝo de sudo ĝis nordo estas 8° 07' kio egalas 903 km, tiu de okcidento ĝis oriento 12° 35' kio egalas 864 km, kalkulitaj sur cirklo de latitudo 52°.

*Sincerajn vortojn de kora kunsento esprimas „Pola Esperantisto" al s-ino Dattner pro morto de ŝia patro.*

**Limoj de Polujo:**

| | en km | % |
|---|---|---|
| entute | 5.529 | 100,0 |
| marlimo | 140 | 2,5 |
| terlimo | 5.389 | 97,5 |

**Loĝantaro laŭ sekso en j. 1931:**

| | entute | viroj | virinoj |
|---|---|---|---|
| | | m i l o j | |
| en urboj | 8.731·1 | 4.103·5 | 4.627·6 |
| en vilaĝoj | 23.184·7 | 11.324·0 | 11.860·7 |
| entute | 31.915·8 | 15.427·5 | 16.488·3 |

**Loĝantaro laŭ gepatra lingvo en j. 1931:**

| | entute | pola | ukraina | rutena | blank-rutena | rusa | germana | juda kaj hebrea | alia au nemontrita |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| en urboj | 8.731·1 | 5.966·9 | 187·9 | 96·1 | 32·8 | 53·3 | 230·2 | 2.124·6 | 39·3 |
| en vilaĝoj | 23.184·7 | 16.026·5 | 3.034·1 | 1.123·5 | 957·1 | 85·4 | 510·8 | 608·0 | 839·3 |
| entute | 31.915·8 | 21.993·4 | 3.222·0 | 1.219·6 | 989·9 | 138·7 | 741·0 | 2.732·6 | 878·6 |

**Loĝantaro de grandaj urboj:**

| | 1900 | 1910 | 1921 | 1931 | 1938 |
|---|---|---|---|---|---|
| | e n | | m i l | o j | |
| Warszawa . . . . . . . . . | 594 | 781 | 937 | 1.172 | 1.261 |
| Łódź . . . . . . . . . . . . | 310 | 408 | 452 | 605 | 665 |
| Lwów . . . . . . . . . . . | 150 | 196 | 219 | 312 | 318 |
| Poznań . . . . . . . . . . . | 110 | 150 | 169 | 245 | 269 |
| Kraków . . . . . . . . . . . | 85 | 143 | 184 | 219 | 255 |
| Wilno . . . . . . . . . . . . | 139 | 181 | 129 | 195 | 208 |
| Bydgoszcz . . . . . . . . . . | 47 | 53 | 88 | 117 | 137 |
| Częstochowa . . . . . . . . | 41 | 73 | 80 | 117 | 136 |
| Katowice . . . . . . . . . . | 32 | 43 | 50 | 126 | 133 |
| Sosnowiec . . . . . . . . . . | . | 99 | 86 | 109 | 125 |
| Lublin . . . . . . . . . . . | 46 | 66 | 94 | 112 | 120 |
| Gdynia . . . . . . . . . . . | . | 0·9 | 1·3 | 30 | 114 |
| Chorzów . . . . . . . . . . | 58 | 73 | 73 | 81 | 109 |

# KOMUNIKO DE P. E. D.

Multaj grupoj en Pollando restigis nun ankoraŭ ekster PED. PED deziras tamen daŭrigi la kontakton kun ĉiuj grupoj sendepende de tio, ĉu ili apartenas aŭ ne al PED.

Sed por pliviglig̃o de la laboroj estas necesa alig̃o de ĉiuj grupoj en Pollando. La kondiĉoj de apartenado al PED estas: oficiala alig̃o kaj kotizo de 10 gr monate por ĉiu membro. Pluajn detalojn pri PED oni povas trovi en statuto de PED, kiu aperis en n-o 6 de Pola Esperantisto de jaro 1934 kaj estas ankaŭ ricevebla senpage ĉe la sekretario.

Ni ne instigas al alig̃o pro iaj personaj aŭ materialaj motivoj sed nur pro la bono de nia ideo. Ju pli forta estos PED des pli forta estos Esperanto en Pollando, des pli fruktedona kaj vigla estos nia laboro. Speciale nuna kriza periodo devigas al unuecigo de nia landa organizaĵo por respondi al postuloj de la tempo.

Ni atentigas, ke nun venis g̃usta tempo por disvolvi viglan propagandon favore al E. per arang̃o de kursoj, prelegoj, ekspozicioj ktp. La raportojn pri viaj klopodoj kaj sukcesoj ni presigos en la rubriko „Pollanda Kroniko" de Pola Esperantisto. La monata revuo Pola Esperantisto devas farig̃i ligilo inter ĉiuj E-grupoj en Pollando kaj PED, pro tio ni konsentas gravan rabaton ĉe grupa abonado de la revuo. Detalojn petu de la administracio. Ankaŭ la libreja fako de Pola Esperantisto faciligos al vi la kompletigon de la grupa biblioteko. Speciale rekomendinda, preskaŭ deviga, estas por ĉiu biblioteko la posedado de la libro s. t.: „Verkoj de Fez" (Felikso Zamenhof), kies favora prezo por grupoj estas zł 4·50 kun afranko. La libro kaj senpaga katalogo de libreja fako de Pola Esperantisto estas ricevebla ĉe la administracio.

*Ĉiuj grupoj senescepte estas petataj senprokraste sendi al PED la nomaron de sia estraro kaj de siaj anoj (kun precizaj adresoj kaj indiko de profesio). Ni alvokas senescepte ĉiujn delegitojn, vicdelegitojn (same de IEL kiel de UEA), fakestrojn, kursgvidantojn ktp. al kunlaboro!*

Pri la propagando de radio-prelegoj legu apartan alvokon de Varsovia Esp. Societo en rubriko „Radio".

## „KVINMIL — FONDO".

La G̃enerala Kunveno de PED dum la Jubilea Kongreso en Warszawa akceptis unuanime la proponon de s-ano Pruski (Lublin) kolekti t. n. „Kvinmil-Fondon" kun la celo instali ĉe PED konstantan sekretariejon kaj gvidi regulan, bonordan propagandan laboron de E. en Pollando. La neceson de tiu laboro ni ne devas refoje substreki — ĉiu klera Esperantisto ja bone komprenas g̃ian urg̃an bezonon. Varmaj alvokoj de s-ano Mgr Pruski (en n-o 8—9, jaro 1937 de Pola Esperantisto) kaj de s-ano Dro Dreher (en n-o 4, jaro 1938) efikis, ke certa nombro de samideanoj pagis jam por la „Kvinmil-Fondo". Jen nomaro:

G̃is 31/VII 1938 pagis por „Kvinmil-Fondo":

| | urbo | personoj grupoj | entute |
|---|---|---|---|
| 1. | dum G̃en. Kunv. de PED en Warszawa 1937. . . | 1 | zł 11·— |
| 2. | Biała Podlaska . . | 1 | „ 9·— |
| 3. | Białystok . . . | 10 | „ 9·— |
| 4. | Bielsko . . . | 1 | „ 4·— |
| 5. | Chorzów . . . | 1 | „ 3·— |
| 6. | Jeziernica . . . | 1 | „ 5·— |
| 7. | Kalisz . . . | 4 | „ 3·— |
| 8. | Kraków . . . | 11 | „ 66·30 |
| 9. | Lublin . . . | 10 | „ 18·— |
| 10. | Lwów . . . | 13 | „ 16·— |
| 11. | Łasica . . . | 1 | „ 2·— |
| 12. | Łódź . . . | 2 | „ 22·— |
| 13. | Nowy Bytom . . | 1 | „ 2·— |
| 14. | Poznań . . . | 1 | „ 20·— |
| 15. | Pruszcz-Bagienica . | 1 | „ 4·— |
| 16. | Sosnowiec . . | 2 | „ 2·— |
| 17. | Warszawa . . | 2 | „ 7·— |
| 18. | Wilno . . . | 3 | „ 7·— |
| | entute . . | 66 | zł 210·30 |

Kiel evidentig̃as el la prezentita listo, pagis nur malmultaj samideanoj. Sed ankaŭ eksterlandaj samideanoj kunhelpas al la realizo de la „Kvinmil-Fondo"; *nome s-ano Jung, redaktoro de „Heroldo de Esperanto" sciigas nin, ke du pollandaj samideanoj ricevos dum duona jaro (julio-decembro 1938) senpage la revuon „Heroldo de Esperanto", se ili donacos al la „Kvinmil-Fondo" egalvaloron de la abonsumo t. e. 10 — zł.* Gesamideanoj! Ĉu ne ekzistas en Pollando eĥleco de realizo de la decido prenita dum la Jubilea Kongreso? Ĉu vere ne interesas vin la sorto de nia movado? Ni atendas de vi respondon!

**Estraro de PED.**

**ĈU VI JAM PAGIS LA ABONON POR POLA ESPERANTISTO?**

# BIBLIOGRAFIO.

**VERDA STACIO — Esperanta Almanako de la Ĉeĥoslovaka Radio. Eld.: Radiojournal, Brno. Kounicova 44.** 80 paĝ. Prezo: 1 int. poŝtrespondkup. Havebla ĉe eldonanto.

Ĉiu esperantisto bone konas la nomon „Verda Stacio" — ĝi estas la Brna radiostacio, kiu depost jaro 1927 propagandas Esp. Belege eldonita libro, kun multaj interesaj fotoj, enhavas sur la unua paĝo la bildon de Dro Zamenhof, sur la dua de T. G. Masaryk, la Prezidanto Liberiginto kaj sur la tria de Dro E. Beneŝ, la nuna Prezidanto de la Ĉeĥoslovaka Respubliko. En mallonga skizo oni donas ankaŭ la historion de la Ĉeĥosl. Resp. Plu oni ekkonas ĉiujn klopodojn, progresojn kaj laborojn poresperantajn kaj trovas ankaŭ la fotojn de ĉiuj kunlaborantoj sur E-kampo de la nomita stacio. En aparta ĉapitro ni legas la ĝisnunajn programojn de la Verda Stacio kaj ĉe fino la radioludon „Ĉu revo aŭ fakto"? (verkis Dalibor Chalupa, tradukis Jiri V. Ŝamla) prezentitan en jaro 1934. Ĝi povas bonege servi kiel propaganda drameto, riĉiganta la programon de klubaj kunvenoj, aŭ — tradukita en nacian lingvon — ĝi povas esti enmetata en propagandvesperojn por Esperanto (la aŭtoran rajton cedas la verkintoj al la bono de la movado!). Tiu- ĉi bele ilustrita kaj estetike eldonita libro estas vere rekomendinda al ĉiu samideano. *)

**ESPERANTO - KATALOGO de la libroj haveblaj de Librejo „Frateco", Sevlievo (Bulgarujo).** 16-paĝa, senpaga. Speciale interesaj estas la ĉapitroj „Verkoj pri Bulgarujo" kaj „Niaj propraj eldonoj".

**ELDONAĴOJ DE LA RADIO - STACIO ROMA.** La radio-stacio Roma disdonas senpage al siaj eksterlandaj radio-aŭskultantoj jenajn librojn: La virino en la nuntempa Italujo — Protektado de la patrineco kaj infaneco. — Luktado kontraŭ tuberkulozo. — La Faŝista Partio. — La Institucio „Postlaboro". — Benito Mussolini, fondinto de l' Faŝismo. — Faŝismo kaj Proletaro. — Doktrino pri Faŝismo. — Faŝista Epoko. — Kion Italujo ŝuldas al Mussolini. — Socia bonfarado en Italujo. — Faŝisma Ekonomio. — Politika kaj morala aspekto de la nova korporacia itala ekonomio. — La plej grava kolonia entrepreno en la mondo. — La Faŝista movado ktp. La libroj aperis en lingvoj: germana, angla, franca, hispana, portugala ktp. Adreso: E. I. A. R., Roma. Via Montello 5. **)

Oni disdonas ankaŭ senpage la monatan programon de la radiostacio 2 R. O. (25,4m kaj 31,13 m) en lingvoj: itala, angla, franca, germana, hispana, portugala. Oni povas daŭre ricevi la broŝuron, sendante karton kun indiko de la — Familia kaj persona nomo; strato; urbo; lando. Se almenaŭ 1.000 aŭskultantoj interesiĝos pri Esperanta eldono, oni pristudos la eblecon provizi tion en la estonteco. Subtenu la klopodojn de la samideanoj en la itala radiofonio!

La entreprenema **MUUSSES ESPERANTO BIBLIOTEKO** (Redakcio: J. Glück, T. Jung kaj J. H. J Willems), **Purmerend** (Nederlando) eldonis duan serion de libroj. Jen la titoloj:

Nro 11. — **La Ora Jubilea Kongreso de Esperanto 1937.**

Nro 12. — **Joel Thézard: Nordnordaj fabeloj.**

Nro 13. — **Ivan Ŝirjaev: En la vagono kaj aliaj rakontoj.**

Nro 14/15. — **Dro Björn Collinder: La problemo de Lingvo Internacia.** Serio de Radio-prelegoj.

Nro 16. — **Gyula Török: Rozinjo.** El la hungara originalo tradukis D-ro K. Kalocsay.

Nro 17. — **Charles Dickens: El la londona skizlibro.** El la angla lingvo tradukis Fred Wadham, ĉefredaktoro de „British Esperantist".

La katalogon de ĉiuj Muusses Esp. Biblioteko- eldonaĵoj kun mallonga enhavo de ĉiu libro, oni povas senpage ricevi de la admin. de „Pola Esperantisto" same kiel la librojn mem. Prezo de ĉiu n-o estas 1.10 zł kun afranko; duobla n-o 2·20 zł kun afranko.

**KOMUNA KANTLIBRO, redaktita de H. W. kaj N. Holmes** kaj eldonita de The Esperanto Publishing Co., Ltd., Anglujo. Prezo unu ŝilingo, afranko unu penco. Aĉetebla ĉe ĉiu Esperantista libro-vendisto aŭ rekte ĉe Libro-servo de Internacia Esperanto - Ligo, Heronsgate, Rickmansworth, (Herts.) Anglujo po 1 ŝ. 1 p. aŭ 5 internaciaj respondkuponoj, afrankite.

**DR VALLIENNE: Ĉu li?** unua volumo. La unua originala romano en Esperanto. Stile reviziita de Dr K. Kalocsay. Formato 19x13·5 cm 204 paĝoj, prezo --80 USA

*) S-ano B. Tingloff (Danujo) tradukis la Esp. Almanakon de Verda Stacio kaj sukcesis per tio decidi la danan radion reenkonduki Esperanton! Kiu provos fari samon en Polujo? (Red.).

**) Lastmomente ni eksciis, ke kelkaj el la cititaj libroj jam elĉerpiĝis (Red.).

**ĈU VI JAM PAGIS LA MONATAN KOTIZON AL VIA GRUPO?**

dol. broŝ. 1·06 USA dol. bind. Aldonu 10% sendkostojn.

Aĉetebla ĉe ĉiu esperantista libristo.

Eldonis **Literatura Mondo, Budapest IX** Soroksari — str. 38 Hungarujo.

**VOJAĜU EN NORVEGUJO — Vojaĝu al Haugesund kaj Haugaland.** 4-paĝa: senpaga; eld.: Turisttrafikknevuden for Haugesund og Haugaland (Turisttrafika Komitato de Haugesund kaj Haugaland).

Aperis nova esperanta revuo: **EVANGELIO KAJ SOCIO, internacia gazeto por radikala vivanta Kristanismo, en la servo de la Regno de Dio.** Nro 1-a. Junio 1938. 8-paĝa. Redaktejo kaj administrejo: J. L. Bruijn, Daguerrestraat 158. s-Gravenhage (Hago). Nederlando. En la „Enkonduko" ni legas la „motivigon" de la aperigo de nova E-gazeto, kiu estas ne dependa de ia eklezia aŭ socia grupiĝo, naskita el arda deziro internacie per Esperanto atesti pri radikala vivanta Kristanismo tute alispeca ol nia Okcidenta Kristana Eklezio, ĉu Rom-Katolika, ĉu Protestanta, ĉu Orient-Eŭropa. Kontraŭ burĝiĝinta mondumiĝinta Eklezio, kiu genufleksas por la nuntempaj mondpotencoj, ni volas pledi por la vera Eklezio de Kristo, kiu konscias, ke ĝi eterne vivas sub la Kruco kaj kontrastas kun la tuta mondo". En la parto „financa bazo" ni legas, ke numero 8-paĝa en kvanto de 500 ekz. (ĉiuj kostoj enfermite) ne kostos pli ol 40 guldenoj. Se en 8 landoj la samspiritanoj kunlaborus por kolekti ĉiumonate 5 guldenojn, la regula ĉiumonata eldonado estos certigata kaj la gazeto povos malavare esti dissendata".

Aperis faldprospekto de **VIENA FOIRO,** okazonta la 11 — 17 de septembro 1938. Kiel kutime ni trovas ĉiujn detalojn, necesajn por vizitontoj kun detala listo de ekspoziciaĵoj.

**KLIMSZA EMIL: Samouczek pomocniczego języka międzynarodowego Esperanto.** Eld. de la aŭtoro. Formato 12·50x20·5 cm, 160 paĝoj, prezo Kč 13·50. Ricevebla ĉe Księgarnia Nowe Kresy, Cieszyn (Polujo). PKO. 309 215. La lernolibro, verkita en pola lingvo (destinita do por polaj kursanoj) enhavas 18 lecionojn kun ekzercoj kaj ŝlosilo.

Gazetoj aperantaj en la vulkana kaj glacia lando ISLANDO:

**LA MEDITANTO** — gazeto pri spiritaj aferoj; hektografita. Aperas 4-foje dum jaro. Abono: 3 intern. respondkuponojn. Specimeno kontraŭ respondkupono. Havebla ĉe **Oskar Jensen, Isafjordo. Islando.**

**MATENO** — nova esperanta gazeto aperos en septembro k. j. Ĝi estos skribita nur en Esperanto kaj enhavos sciigojn pri lando, historio, literaturo kaj vivo de la popolo. Aperados ĉiumonate 4-paĝa kaj kostas por sept. — dec. 1938. unu islandan kronon aŭ 3 resp. kuponojn. Jarabono: 2 isl. kronoj aŭ 6 resp. kuponoj. Antaŭpago necesa. Petu senpagan specimenon. Adreso: **MATENO, Isafjordo. Poŝtkesto 116 Islando.**

*L. K.*

# RADIO.

**Per radio Esperanto eniras sur kampon vere praktikan! Subtenu la E. dissendojn! Skribu al la Stacioj!**

## PROGRAMO DUM SEPTEMBRO

**La horoj estas indikitaj laŭ mezeŭropa tempo.**

### REGULAJ ĈIUSEMAJNAJ DISSENDOJ.

**Dimanĉe:**

9·10—9·25 Kortrijk (204 m) Esperanta kroniko de G. Debrouwere.

19·00—19·30 Reykiavik (1442 m) Esperanto-kurso.

22·30—22·45 PRC 7. Mineira (960 kil.) „Momento de Esperanto".

**Lunde:**

18·45—19·00 Montpellier - Languedoc (224 m) Kroniko de A. Capoulade.

20·00—21·00 JV 2 RL Caracas (51,72 m) Parolado.

22·— (proksimume) 2RO (31,13 m) Radio-ĵurnalo.

22·25—22·35 Brno (325 m) Praha (470 m) M. Ostrava (269 m) pri okazaĵoj en Ĉeĥoslovakujo.

22·45—23·30 Paris PTT (431 m) E. teatraĵo.

**Marde:**

21·20—21·35 Kaunas (1935 m) Klaipeda (Memel 531 m) Lyiae (41 m) „Nia anguleto".

22·00—22·10 Turi (410 m) Tartu (579 m) Tallinn (229 m) E. kroniko.

22·25—22·40 PRF 3 Sao Paulo (960 m) Informoj kaj kurso.

23·30—23·45 PRF 5 (31 m 58) — PRF 2

(780 m) Rio de Janeiro. Oficialaj inf. kaj kantoj dum la „Horo de Brazilo".

**Merkrede:**

2·45—3·45 XECR (50·17 m) Mexico — Informoj.

14·00—14·20 Paris PTT (431 m) — E. kurso de C. Rousseau.

21·00—21·20 LTI Radio del Litoral. Rosario (384 m) E. kroniko.

**Vendrede:**

2·45—3·45 XECR (50·17 m) Mexico — E. kroniko.

**Sabate:**

10·30—11·— 7 HO HOBART — E. kroniko.

16·15—16·30 Loksbergen - Limburg (202 m) — E. Kvaronhoro.

19·02—19·18 Roma (425 m) — 2 RO (25·4 m) — Turisma propagando.

22·25—22·40 PRFA Sao-Paulo (960 m) — Informoj, kantoj kaj kurso.

0·30—1·— (sabatnokte) Barcelona (377 m) k. (42 m) — pri Hispanujo.

## ALIAJ DISSENDOJ:

25. 22·40—23·10 HILVERSUM KRO (301 m) NICO HOEN: „Flugmaŝino kaj homo".
26. 22·45—23·30 PARIS (431 m) — „Danco de skeletoj" de U. AKITA; traduko de H. SUZUI. Prezentado de Y PAULIER.
28. 20·13—20·20 LYON P. T. T. (463 m) E. kroniko.

**Dum oktobro:**

9. 23·40 proksim. Hilversum (301 m) — Pastro Call. Preller O. P.: „La Rozario".
23. 23·40 proksim. Hilversum (301 m) — Nivard: „Grafologiaj eksperimentoj".

**Bulgarujo — Radio Sofia** eksperimentas per nova ondo, 35,4 m kaj ne uzas la ordinaran ondlongecon 20,4 m. Oni povas sendi aŭd-rezultatojn al Radio-Sofia, 19 Moskvastr. SOFIA, Bulgarujo.

**Ĉeĥoslovakujo** — De 18. 7. BRNO, relajsita de PRAHA, M. OSTRAVA, sed ne per mallongondoj, disaŭdigas ĉiulunde oficialan kronikon en E. dum kiu la Registaro volas senpartie informadi la aŭdantojn. Oni sendu, kiel kutime, al Verda Stacio, Radioĵurnal BRNO, Kŭnicova 44. Verda Stacio ŝatus fari de tiu kroniko ne nur spegulon de ĈSR sed ankaŭ de la E. movado entute.

Dum oktobro rekomenciĝos la E. horetoj kaj okazos la unuan lundon de ĉiu monato. La 3. 10. estas disaŭdigota la opero „Najado" de A. DVORAK.

Ankaŭ dum oktobro rekomenciĝos la E. paroladoj el M. OSTRAVA kaj la E. horetoj sur mallongondoj.

**Danujo** — S-ano B. TINGLEFF tradukis la E. almanakon de Verda Stacio kaj per tio sukcesis decidi la danan radion reenkonduki Esperanton. La 16. 7 okazis, kiel provo E. parolado. Sendu leterojn instigantajn al regula dissendado al: Statsradiofonien, Heibergsgade 7, KOPENHAGO.

**Francujo — Parizo.** Malgraŭ la sezono, la E. dissendoj ĉiam okazas ĉiulunde — (Pro tio danku!). Interalie, la 1. 9. estis prezentita radioreportado pri la U. Kongreso de S-ro PETIT ĵus reveninta de LONDONO.

Dum la unua duonjaro de 1938 alvenis 1073 leteroj el 24 landoj: (Francujo 405, Nederlando 331, Britujo 141, Svedujo 31, Portugalujo 28, Svisujo 20 k. t. p.).

**La parizaj E. teatraĵoj** ĉiam estas sufiĉe bone subtenataj. Ekz. dum aprilo alvenis 70 leteroj (dum marto: 150), (22 el Francujo, 17 el Nederlando, 6 el Danujo, 5 el Svedujo... ktp.). Eĉ blinduloj skribis brajle. Sed dum majo eniris nur 36 leteroj (10 el Francujo, 5 el Anglujo, el Norvegujo, el Nederlando, ktp.) Ĉu la programoj estas malpli bone prezentataj aŭ ĉu la somero tre malfaciligas la aŭdon? Bedaŭrinde la klopodoj por okazigi la elsendojn je pli frua horo ne sukcesis ĝis nun. Petu paroladojn pri turismo, pri la francaj turismaj belaĵoj, la franca muziko (kun diskoj), la popola folkloro... ktp. Skribu al: COURRIER DES AUDITEURS, 107, rue de Grenelle, PARIS. Aranĝu kolektivan aŭdon! **Daŭrigu la subtenon!**

**Italaj turismaj kronikoj en Esperanto.**

Radio-stacio Roma I (425 m) kaj 2 RO (25·4 m) disaŭdigas regule ĉiusabate je 19 h paroladojn pri la turismaj belaĵoj en Italujo. La tekstojn de la prelegoj (en lingvoj itala — angla — franca — germana — hispana — holanda kaj Esperanto) oni povas senpage peti ĉe Direz. Gen. per il Turismo, Via Vittorio Veneto 62. **ROMA.**

**Norvegujo** — Alvenis informoj sed ne precizaj. En fino de aŭg. aŭ komenco de septembro, norvega ŝtata radio (OSLO 1154 m kaj ĉiuj norvegaj stacioj) dissendos paroladon pri la Londona Kongreso.

**Polujo** — Varsovia E. Societo denove komencis agadon por instigi la „POLAN RADION" disaŭdigi en-k-pri E. Helpu niajn s-anojn! Skribu al Polskie Radjo, **WARSZAWA,** Mazowiecka 5, amike petante, ke oni rekomencu la elsendon de regulaj E. dissendoj. (Antaŭ 3-4 jaroj, tiuj elsendoj estis el la plej bonaj kaj rikoltis sukceson eksterlande). Esprimu saman deziron pere de la Pola konsulo de via regiono. Sed ne menciu la nunan agadon de la polaj E-oj.

**Hankow Mallonga stacio.** Ĉiusabate de 21·30—21·45 laŭ Hankow tempo prelegoj esper. el Oriento: radiostacio XGX, frekvenco 9250 kilocikloj.

---

Ni ricevis jenan alvokon:

**Al**
**Esperantaj Societoj, Esperantistoj en Polujo**

Tre Estimata(j) Samideano(j):

Estas konata fakto, ke radio plej bone povas servi por disvastiĝo de Esperanto. Dum la lasta tempo kun ĝojo oni povas konstati, ke multaj radiostacioj en la tuta mondo praktike uzas Esperanton dum la plej diversaj disaŭdigoj. Bedaŭrinde, nur la „Pola Radio" malatentas la gravan signifon de Esperanto kaj eĉ ĉesigis disaŭdigi prelegojn en Esperanto pri Polujo, kiuj rikoltis grandan sukceson eksterlande.

Varsovia Esperantista Societo intencas prezenti al Direkcio de „Pola Radio" konforman petskribon vaste dokumentitan pri apliko de Esperanto en radio, petante disaŭdigi en kaj pri Esperanto. Sed estas necesa forta subteno flanke de radioabonantoj kaj radioaŭskultantoj. Tial Varsovia Esperantista Societo presigis specialajn foliojn por kolekti la subskribojn.

Energie kaj zorge kolektu la subskribojn kaj la foliojn resendu al Varsovia Esperantista Societo, Warszawa, Leszno 56/9.

Memoru, ke nur de via bonvola subteno dependas la sukceso de nia agado!

Kun samideanaj salutoj!

*Estraro de Varsovia Esperantista Societo.*

---

La foliojn Vi povas senpage ricevi ankaŭ ĉe Pollanda Esper. Delegitaro (P.E.D.), Kraków, Lubicz 34.

# KATOLIKA ESPERANTO MOVADO.

## AL LA POLA KATOLIKA ESPERANTISTARO!

Ofte aŭdiĝas voĉoj en Esperantujo pri indiferenteco de la homaro rilate al Esperanto. Precipe en Polujo oni malmulte interesas sin pri Esperanto, ne povas aŭ ne volas kompreni ĝiajn valoron kaj signifon. Ja Polujo estas lulilo de Esperanto, do ĝi devas esti ekzemplo por aliaj landoj-diros iu. Vere estas honoro por Polujo esti la lando, kie dum bruoj de Polesaj (Polesie) arbaroj ekfloris la grandioza ideo, kaj poste sur la Varsovia pavimo maturiĝis kaj ekvidis taglumon, de kie ĝi forflugis en la mondon. Unuafoje sub la pola arkaĵo eksonis eĥoj de la Himno: „En la mondon venis nova sento". Tamen la Esperanto-movado en nia lando estas multe malantaŭe de la aliaj landoj.

Observante la Esp.-movadon en Polujo, ni devas konstati, ke eĉ ni, Esperantistoj, mem ne sufiĉe komprenas la valoron kaj signifon de Esperanto. Al multaj el ni mankas la fajro por entuziasmigi aliajn. Multaj kvankam povas, tamen ne iras la vojon al pli baldaŭa venko de Esperanto. Estas Esperantistoj, kiuj kaŝe apartenas al la legio el sub la verda standardo. Ili timas esti malkovritaj kaj vidataj en ne tre hela lumo. Pro tio ili silentas. Certe vi scias, kara leganto, ke Esperanton oni konsideras bona ilo por tiu aŭ alia politika tendenco. Tio nur pruvas, ke ĝi estas taŭga. Se iu konsideras ĝin bona ĉe siaj malamikoj, kial li ne uzas ĝin por siaj celoj? Ja Esperanto estas nenies propraĵo, ĉiu rajtas uzi ĝin laŭ sia plaĉo por iu ajn celo! Malgraŭ, ke ni devas barakti kontraŭ diversaj baroj survoje al nia iro, ni ne perdu kuraĝon kaj ne malesperu. Forte ni tenu la verdan standardon, kaj kuraĝe antaŭen, ĉar „briletas la celo, al kiu kuraĝe ni iras".

Lastatempe ni eksciis pri reorganizo de la Pollanda Katolika Ligo Esperantista (Pol. K. L. E.). Ĝi estas pure pole-katolika organizaĵo. Ne estas mirinde, ke ĝia membraro pli kaj pli pligrandiĝas, ĉar multaj katolikaj Esperantistoj, kiuj antaŭe malmulte aŭ tute ne partoprenis en la Esp. movado, trovis konvenan por ili organizaĵon, kiu povas sentime kaj libere progresigi nian ideon. La katolika Eklezio vere povas fari gravajn servojn al Esperanto kaj inverse. Ja ĝi estas granda institucio en la mondo, en kies manoj troviĝas grandega nombro da lernejoj.

ĈU VI JAM LEGIS SUR LA PAĜO 122 LA KOMUNIKON DE PED?

Dr A. Czubryński bone komprenis la valoron de la Eklezio al Esperanto, klopodante ĝin gajni por la Interŝtata Esperanto-Akordo.

Do, ĉiu katolika esperantisto en la nomo de bono de Esperanto unuiĝu, por ke ni estu vidataj, ke ni volas utiligi nian potencan ilon: mondlingvon, por disvastigo de la Regno de Dio!

Do, senhezite fariĝu membro al la Pol. K. L. E. Jara membrokotizo kune kun la abono de la bela riĉenhava oficiala organo de I K U E estas 6·40 zł. Krome ĉiu Pol. K. L. E.-ano ricevas belan Jarlibron. Ĉiu novaliĝonto ricevos la Jarlibron ankoraŭ por la nuna jaro.

Adresu: Sekretario de Pol. K. L. E. S-ro M. Janik Świerklany, pow. Rybnik, G. Śląsk P. K. O. 303-779 Katowice.

*R. Chromik.*

---

## S-TA ANDREO BOBOLA KAJ LIA PROFETAĴO.

El la kanoniza dokumentaro de s-ta Andreo Bobola, enmanigita al la partoprenintoj de la papa duonsekreta konsistorio, kiu okazis la 31-an de marto, estas menciinda la gravega raporto de Jezuito pastro Filkierzamb pri la antaŭdiro kaj vizio, okazinta al la Dominikano, patro Korzeniewski, en la jaro 1819.

Jen resumo de la raporto:

„En la jaro 1819 estis en Vilno patro Korzeniewski, dominikano, pia pastro kaj fama predikisto. Li estis senĉesa batalanto kontraŭ la skismaj eraroj en la instruaj verkoj.

. . . Iun vesperon patro Korzeniewski post la vesperaj preĝoj, fermis la fenestron, intencante fari promenon; sed tuj, kiam li turnis sin, li ekvidis sur la mezo de la ĉelo figuron en la jezuita vesto.

La figuro ekparolis: „Patro Korzeniewski, mi estas Andreo Bobola. Malfermu le fenestron, ĉar vi ekvidos mirindaĵojn".

La Dominikano obeis lin. Je sia miro li ne ekvidis malgrandan monaĥejan ĝardenon, sed nemezureblan spacon, etendiĝantan ĝis fino de la horizonto.

La ebenaĵo estis kovrita per batalionoj de Rusoj, Turkoj, Angloj, Francoj, Germanoj kaj aliaj popoloj. Ili ĉiuj batalis unu kontraŭ la alia. La monaĥo ne komprenis, kion signifas tio; helpis lin la sanktulo.

Li diris — „Alvenos tia milito, kaj post la repaciĝo Polujo estos libera, kaj mi estos rekonita ĝia ĉefa patrono".

Ĝojiĝite per la promeso patro Korzeniewski vokis:

„Ho mia Sanktulo, ĉu mi povas esti certa, ke tiu vido kaj la elĉielvizito kaj la antaŭdiro ne estas imagiluzio, aŭ nura sonĝo?"

„Konfirmu tion mia mano", respondis la respektinda Andreo, „tio, kion vi vidas, estas vera kaj efektiva. Ĉio plenumiĝos laŭ mia diro. Ripozu nun. Por ke vi havu signon de mia apero, mian mansignon mi restigas sur via tablo".

Tion dirante, li surmetis la manon sur la tablon kaj malaperis.

La vidon kaj la antaŭdiron publikigis pastro Filkierzamb en la jaro 1855 en privata letero, aperigita en la franca gazeto „l'Union Franchecontoise", kaj kelkajn monatojn poste ĝi estis ripetita en pola gazeto „Przegląd Poznański" (1855) T. XX.

*Ryszard Chromik, Polujo.*
(el „Espero Katolika").

# NOVAĴOJ EL ESPERANTUJO.

## ĈU ONI POVAS EFIKE PROPAGANDI ESPERANTON PER KINO?

La respondo al tia demando ne estas duba: nepre jes. Sed ne sufiĉas, ke propaganda filmo estu efika. Gravas ankaŭ, ke ĝi estu praktike kaj ofte uzebla. Tio okazas se: ĝi estas malmultekosta, se ĝia tekniko estas tia, ke oni povu uzi ĝin ĉie kaj sen aparatoj eksterordinaraj.

Pri la efikeco, tiu filmo devas: esti sen titoloj kaj sen paroloj, sed komprenebla per la agado mem, per ĝiaj bildoj, kiuj estas fakte la plej internacia lingvo, montri la esperantan temon je diversaj aspektoj: praktika, lingva, gastema, pacisma. Fine, ĝi devas ne tedi la rigardanton, sed distri, eĉ amuzi lin, kaj lin konduki iom post iom al pli seriozaj demonstracioj.

Povas esti interese konstati kiel oni zorgis pri tiuj precizaj konsideroj en provo jam konata, tiu filmo „Antaŭen", kiun faris francaj Esperantistoj — okaze de la 50-a jarfesto de Esperanto. Novaj detaloj venas hodiaŭ kaj klarigas, kiel la aŭtoroj atentis pri la ĉi-supraj punktoj.

La financan kaj teknikan punktojn solvis senpene la elekto de la filma formato 16 milimetra. Efektive, unu horo da projekcio 16 milimetra kostas de ses ĝis dekoble malpli multe ol samlonga projekcio el granda formato. Plie, la 16 m/ma filmo estas tutmonde uzebla eĉ en la plej malgrandaj vilaĝoj, ĉar ĝiaj projekciaparatoj estas ĉie aĉeteblaj aŭ lueblaj je malalta prezo. Ankaŭ ĝia eta pezo gravas, por la facilo de la sendoj aŭ de la portadoj.

Aliflanke, „Antaŭen“ estas realigita laŭ la stillinio de la moderna kino, el ritmo, el situacioj, el vivo kaj movo, tiel ke klarigaj titoloj aspektus tute superfluaj. Cetere, ili estis nepre evitotaj pro ĉiuj tradukaj malfacilaĵoj, kiujn ili kreus.

La ĉefa karaktero de „Antaŭen“ estas ĝia komenca aspekto ne severa, kiu venigas la publikon, ŝtupon post ŝtupo, al la esperanta temo. Dum dudek minutoj, ĝi rakontas laŭ komika kaj plej movema maniero la malfeliĉojn de iu fremdulo, kiu venas en Paris, kaj povas paroli kun neniu. Pli kaj pli gravaj miskomprenoj okazas al li, aventuroj (en fame konataj kvartaloj de Paris) ĝis kiam nia kompatindulo perdas ĉion: vestojn, pakaĵojn, eĉ... esperon. Tiam, li renkontas Esperantiston. Tiu ĉi komprenas lian situacion; li ekinstruas al li Esperanton, per rekta metodo, borde de la rivero Seine. Tie, lokiĝas perekrana lingva demonstracio, kaj poste la filmo pliserioziĝas. La du kunuloj renkontas aliajn samideanojn; ankaŭ tiuj akompanas la eksterlandanon, kaj tiam okazas rapida vizito de la esperantistaj Paris-aj medioj. De loko al loko, la amikaro pligrandiĝas, ĝis okazigi esperantistan manifestadon el pluraj centoj da personoj meze de kiuj oni vidas multajn francajn famulojn

Kaj venas la pacisma parto, verkita laŭ simbola stilo. Kiam la manifestantoj kantas hore „LA ESPERO“-n, aperas bildoj, komence konfuzaj, kaj iom post iom pli netaj, kiuj montras militistajn demonstraciojn. Virino aplaŭdas; sed ŝia vizaĝo estas kaŝata de okulŝtopilo el ŝtofo. Tiam aperas Esperanto, simbole reprezentata per brako kun verdstela ringo. Ĝi eltiras la okulŝtofon por ke la virino vidu, malantaŭ la brilaj soldatoj, naŭzajn, teruregajn militajn scenojn. Poste, Esperanto kondukas ŝin, poezie promeni en la alia flanko de la vivo, sur la kamparo paca, fruktodona, prizorgata de homoj, kiuj laboras, kiuj „konstruas“, kiuj ame daŭrigas la vivon, ĉiujn vivojn... La lastaj bildoj estas resumo de la monda ĥaoso, kaj aludo al la neceso de tiu ordiga kaj amiga solvo, kiu estas nia lingvo.

Tiu ĉio estis, por niaj francaj samideanoj, ega peno, ĉefe financa. Tial ili meritas ke ilia provo, ne ĉefe estu laŭdata, **sed ke ĝi UTILU.**

Tiucele, por ĉiaj aliaj klarigoj, aŭ por eventuala uzo de la filmo „ANTAŬEN“, sin turni al la „SOCIETO FRANCA DE PROPAGANDO POR ESPERANTO“ 34, rue de Chabrol, PARIS-10. (J. L. M.)

---

### Unua Internacia Filatelia Ekspozicio en Rio-de-Janeiro.

La Unua Internacia Filatelia Ekspozicio, okazonta en Brazilo sub la nomo BRAPEX, havos lokon en Rio-de-Janeiro, de la 2-a ĝis la 30-a de oktobro nunjara. La ekspozicio estas organizota de la Brazila Filatelia Klubo, kiu komisiis tiun laboron kaj ĝian realigon al Organiza Komisiono. Ĝi estas oficialigita kaj subvenciita de la brazila registaro kaj efektiviĝos sub la honora prezido de la Respublika Prezidanto kaj la patroneco de la Ministroj de Trafiko kaj de Financo kaj de «Internacia Filatelia Federacio» kaj «Federacio de la Filateliaj Societoj».

La Organiza Komisiono baldaŭ eldonos bele ilustritan Bultenon enhavantan la Regularon de la Ekspozicio kaj la Klasifikon de la elmontrotaj objektoj. Ĝi estos redaktata en la ĉefaj nacilingvoj **kaj en Esperanto.**

**Bonvolu tuj peti la Bultenon de: Comissao Organisadora da BRAPEX, Av. Rio Branco, 117, 2⁰ and., Rio-de-Janeiro, Brazilo.**

---



---


ABONO: jare zł 8·—, duonjare zł 4·—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł 6·—. Eksterlande 7 sv. fr. Aparta numero zł 0·70, duobla zł 1·40.
ANONCOJ: 1/2 paĝo zł 30·—, 1/4 paĝo zł 15·—, 1/8 paĝo zł 10·—. Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł 1·—.
PRENUMERATA: rocznie zł 8·—, półrocznie zł 4·—. Dla Towarzystw i grup esperanckich rocznie zł 6·—. Zagranicą: 7 fr. szw. Numer pojedynczy zł 0·70, podwójny zł 1·40.
OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł 30·—, 1/4 strony zł 15·—, 1/8 strony zł 10·—. Korespondencja: małe ogłoszenia z 10 słów (prócz adresu) zł 1·—.
Przekaz rozrachunkowy: kartoteka Nr 29, Kraków 2. — Konto P. K. O. Nr 406.660.

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LUBICZ 34.

Wykonano w Drukarni Miejsk. Muz. Przemysłowego w Krakowie. Redaktor odpowiedzialny: Dr Leon Rosenstock.